11-a jaro. — N-ro 7 (125) Julio 1925.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro:

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11

ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al:

H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.



Apero prokrastita pro dumonata striko de la preslaboristoj en Antverpeno (28 Sept. 1925).

JARA ABONPREZO: Fr. 10—
EKSTERLANDE: Fr. 12.50

ANTVERPENO
1925

KIAL KOMPLIKI VIAN LABORON ?...

*Konfesu ke*

la transformo de vortoj en " signojn", kaj posta reprodukto de tiuj samaj "signoj" denove en vortojn

*estas duobla laboro*

kaj vi komprenos jam, kial la

# DICTAPHONE

**estas la senpera metodo por diktado de la korespondaĵoj.**

Petu la broŝuron:

" L'HOMME D'AFFAIRES AU BUREAU "

(La aferisto en la oficejo)

— Senpaga alsendo —

**ROBERT CLAESEN**

Fako : ES

**20, rue Neuve, BRUSELO.**

Tel. : 106,82

# V. & L. De Baerdemaecker

GENTO, 25 & 31, rue Fiévé, GENTO

Ŝipmakleristoj. — Komisiistoj. — Ekspedistoj.
Doganaj agentoj. — Enmagazena tenado.

Agentoj de

**Goole Steam Shipping - London Midland - kaj Scottish Railway Co.**

Du servoj ĉiusemajne inter **GENTO** kaj **GOOLE** kaj returne.

komunikigantaj kun Centra kaj Norda Anglujo kaj Irlando

***HULL dum la sezono de la fruktoj.***

Grupiga servo al Svislando kaj Italujo, Nord- kaj Orienta parto de Francujo, Germanujo, Holando kaj Balkanoj.

Magazenoj kaj deponejoj akceptitaj de la "Comptoir d'Escompte" de la Nacia Banko.

*Telegr. adreso: DEBAER. — Telefonoj 188 - 92 - 1500 - 1515.*

# BANQUE DE FLANDRE

ANONIMA SOCIETO EN GENT - FONDITA EN 1847

Deponaj kaj duonmonataj kontoj

Diskonto kaj enkasigo de biloj

Kreditleteroj

Konservado de obligacioj kaj titoloj

Aĉeto kaj vendo de obligacioj

Pruntedono sur obligacioj

Enkasigo de kuponoj

Luigo de monkestoj

ĈIAJ BANKAFEROJ.

# Nederlandsche

# Gist-& Spiritusfabriek

**(Nederlanda Fabriko de Fermento kaj Alkoholo)**

ANONIMA SOCIETO

Societa Sidejo : **DELFT (Nederlando)**

Fabrikejo : **BRUGES-BASSINS** (Belgujo)

Filioj : **BRUSELO kaj HUY** (Belgujo)

**Produktajoj :**

## Rega Fermento

## Alkoholo kaj Brando

## Eldistilaj Rekrementoj

**Fako "Fermento kaj Rekrementoj" : Bruges-Bassins**

**Fako "Alkoholo kaj Brando": 378, Av. Van Volxem, Bruselo**

**Telefono :** ıuges N° 8 / ruxell . BR. 8338 / Huy N° 40

**Telegr. :** Bruxelles / Bruges / Huy — "Gistfabriek"

# ESPERANTO IN EEN OOGSLAG!

ESPERANTO is PHONETISCH

Alle letters worden uitgesproken:

*één letter*
*één klank*

De KLEMTOON valt altijd op de *voorlaatste* lettergreep.

*Geen onregelmatigheden*

*Geen uitzonderingen*

**HET ALPHABET VAN ESPERANTO**

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aa | Bb | Cc | Ĉĉ | Dd | Ee | Ff | Gg |
| *a* | *b* | *ts* | *tsj* | *d* | *e* | *f* | *g(*)* |
| Ĝĝ | Hh | Ĥĥ | Ii | Jj | Ĵĵ | | |
| *dzj* | *h* | *ch* | *i* | *j* | *j(*)* | | |
| Kk | Ll | Mm | Nn | Oo | Pp | Rr | Ss |
| *k* | *l* | *m* | *n* | *o* | *p* | *r* | *s* |
| Ŝŝ | Tt | Uu | Ŭŭ | Vv | Zz | | |
| *sj* | *t* | *oe* | *korte oe* | *v* | *z* | | |

Q, W, X en Y bestaan niet.

* *fransche* als in gant, jeu

A, E, I, O, U hebben ongeveer den klank als in *ja, re, mi, do, doek*.
C klinkt niet gelijk S of K, maar gelijk *ts* in fiets of *Ts*aar.
J heeft den klank van *j* in *ja*.
De klanken ĉ, ĝ, ĥ, ĵ, ŝ en ŭ vindt men in *tsj*irpen, *J*ohn, la*ch*en, *j*alappe, *ch*ocolade en leeu*w*.

DE SPRAAKLEER bestaat uit ZESTIEN GRONDREGELS.

DE WOORDEN worden gevormd uit stammen door toevoeging van geschikte letters

**O** is de uitgang van het NAAMWOORD: fasto, telefono, piano, libro, fajro, tasko

HOEDANIGHEIDSWOORDEN eindigen op **A**: evidenta, longa, granda, bela, furioza, simpla

NAAMWOORDEN en HOEDANIGHEIDSWOORDEN vormen hun MEERVOUD door toevoeging van **J** (*aj, oj* klinken ongeveer als in *eieren* en *uien*)

evidentaj faktoj, longaj telefonoj, grandaj libroj

AL DE EENVOUDIGE TIJDEN VAN HET WERKWOORD WORDEN GEVORMD DOOR SLECHTS ZES UITGANGEN

| *Onbep. wijs* | *Tegenw. tijd* | *Verleden tijd* | *Toekomende tijd* | *Voorw. wijze* | *Geb. wijze* |
|---|---|---|---|---|---|
| **I** | **AS** | **IS** | **OS** | **US** | **U** |
| ESTI | estas | estis | estos | estus | estu |
| LERNI | lernas | lernis | lernos | lernus | lernu |
| INSTRUI | instruas | instruis | instruos | instruus | instruu |

**N** vormt den ACCUSATIEF (*rechtstreeksch voorwerp*)
Mi (*ik*) instruas lin (*hem*)
Li (*hij*) instruas min (*mij*)
Vi lernas Esperanton

BIJWOORDEN eindigen op **E**: rapide, entuziasme, diligente

## *ESTU PRETA: LERNU ESPERANTON*

DEELWOORDEN worden gebruikt als *hoedanigheidswoorden, naamwoorden* en *bijwoorden*:

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Bedrijvend* | Tegenw. -ANT' | Verleden -INT' | Toekomend -ONT' |
| *Lijdend* | Tegenw. -AT' | Verleden -IT' | Toekomend -OT' |

Mi estas instruanta — Mi estas la instruanto — Instruante, mi lernas
Vi estas instruata — Vi estas la instruato — Instruate, vi lernas

**ĈU** spreek uit ongeveer als *tsjoe*, om een vraag te stellen

harpo, piano, violono, fluto, orgeno } estas instru*mento*(?)
lilio, rozo, tulipo, violo, geranio } estas *floro*(?)
melono, banano, figo, piro, pomo } estas *frukto*(?)
hundo, kato, kamelo, elefanto, urso } estas *besto*(?)

Ons *Ja* is **JES** en ons *Neen* is **NE**

**LA** De het enig bepalend lidwoord

tasko, piano } estas (*is*) simpla, granda
knabo, raporto } estis (*was*) bela, favora
progreso, anekdoto } estos (*zal zijn*) rapida, longa

Het voorvoegsel **MAL** duidt het tegen overgestelde aan: malsimpla, malgranda, malbela, malfavora, malrapida, mallonga

KLEUREN

blanka papero
blua krajono
nigra inko
bruna tero
rozaj lipoj

TELWOORDEN: Unu, 1, du, 2, tri, 3, kvar, 4; kvin, 5, ses, sep, ok, naŭ, dek, cent, 100, mil, 1000; miliono. RANGSCHIKKENDE TELW.: unua klaso, dua klaso, enz.
Als Bijwoorden: *unue*, ten eerste, *due*, ten tweede, enz.

Het BEROEP wordt aangeduid door **IST**: dentisto, fakisto, artisto

Het VROUWELIJK GESLACHT wordt aangeduid door **IN**: princo, patro, leono — princino, patrino, leonino

*Vijf* andere *voorvoegsels* en *twintig* andere *achtervoegsels* maken het mogelijk alle begrippen met de meeste juistheid uit te drukken.

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

# FARU TUJ! KIAL PROKRASTI?

REPAGU vian kotizon-abonon (FR. 10.--)

por 1925

## a) se vi estas

membro de loka liga grupo :

AL LA KASISTO DE VIA GRUPO;

## b) se vi estas

aparta membro-abonanto :

*Al la kasisto de la Ligo:*

**S-RO F. MATHIEUX**

**94, AVENUE BEL-AIR, UCCLE-BRUSELO**

**POŜTĈEKO: NRO 39984**

## c) Eksterlandanoj

per poŝtmandato al la supre citita kasisto de la Ligo.

11a JARO. N-ro 7 (125) JULIO 1925

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcia parto: | Abonoj kaj Monsendoj |
|---|---|
| FRANS SCHOOFS | FERN. MATHIEUX |
| 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen | 94, Avenue Bel-Air, Uccle |
| Telefono 543 74 | Postceko No 39984. |

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# XIVa Belga Kongreso de Esperanto

(FINO)

—



SPA. — LA BANDOMO.

Post laŭvola promenado en la urbo, la kongresanoj denove estis kunigitaj en la koncerto salono de «Emulation», kie okazos arta vesperfesto, en kiu kunlaboris Gesinjoroj Cogen - Van Rysselberghe, lertaj pianistoj; F-ino Marie Paquay (deklamo); S-ino De Bisschofs (rava kantistino); S-roj Vermuyten kaj Somerling (deklamistoj). Ni ne forgesu citi la belan infanan horon el la 4a-gradaj lernejoj, kiuj bonege kantis kelkajn popolajn kantojn. La festo finiĝis per la prezentado de la burleska unuaakta «Sinjoro Herkules» ludita de esperantistoj el Spa kaj Verviers. Ni gratulu la geaktorojn, F-inojn Marie Paquay, Marie Deru, Jenny Borckmans kaj S-rojn Jean Desonay, Robert Huguet, Iwan Delhez, Jules Jacoby.

Tre gaja dancfesto finigis la tagon (?) ... kiam vere ne plu estis permesate resti eksterhejme!

Lundon matene je la 8a h., la kongresanoj (el kiuj kelkaj portis la postsignojn de nesufiĉa ripozo) vole-nevole kunvenis Place de Martyr por entrepreni la promesitan aŭtomobilan ekskurson.

Supozeble la veturiloj pasintnokte ankoraŭ pli mulmulte ripozis ol la esperantistoj, ĉar kelkaj el ili tre malfrue alvenis al la loko de la rendevuo. Malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj kaj batoj de l'sorto fine estis pretaj, kaj ornamitaj per verdaj flagetoj, la sep grandaj aŭtomobiloj kiuj veturis al la Gileppe tra la bela Valo de la Vesdre. Post mallonga restado sur la impona barmurego estis daŭrigata la ekskurso tra la rava ardena pejzaĝo al Spa. La vojo kondukis tra la pentrindaj vilaĝoj Jalhay, Surister, Royompré, Tiège kaj Balmoral.

En Spa, la urba muzikistaro sur kiosko antaŭ la «Casino» akceptis nin per dufoja ludado de l'Espero. Tiu delikata atento agrable surprizis la kongresanojn. La multnombra publiko tuj komprenis la signifon por ni de la ludata himno, kiun ĝi ĝentile salutis.



SPA. — LA KAZINO.

Je la nomo de la belgaj esperantistoj, S-ro J. Desonay deponis florgarbon antaŭ la monumento de la militmortintoj. La kongresanoj kelkmomente restis enpensaj, antaŭ la monumento, kaj iris al la «Casino», kie ili estis oficiale akceptataj de la Urbestraro, de «Spa - Monopole» kaj de la Direkcio de la «Casino».

S-ro Skabeno Maes kaj Direktoro Dommartin ĉeestis. La unua rememorigis, ke antaŭ kelkaj jaroj li jam havis la plezuron akcepti la belgajn esperantistojn, okaze de nacia kongreso en Spa, antaŭ la milito. Per kelkaj bonkoraj paroloj li bonvenigis la vizitantojn kaj gratulis la samideanojn de Spa, inter kiuj li honore citis S-ron kaj S-inon Borck-

mans kaj S-ron Desonay, kiuj senripoze sin dediĉas al la progresigo de la movado.



SPA.

LA FONTO

"PETRO LA GRANDA"

S-ro L. Cogen dankas kaj parolas pri la lastaj sukcesoj de nia lingvo kaj pri la granda utilo, kiun prezentas la uzo de Esperanto por urbo kiel Spa, kiu bezonas daŭran propagandon kaj efikajn propagandilojn.

Promesinte priatenti la konsilon donitan, S-roj Maes kaj Dommartin invitis ĉiujn trinki glason da vino.

En belege lokita restoracio atendis bonega tagmanĝo post kies malaperigo okazis detala vizito al la instalaĵoj de «Spa Monopole». Tre komplezo estis montrata kaj klarigita la funkcio de ĉiu maŝino kaj transportilo. Oni povis rimarki ke, dank'al la uzataj plej modernaj laboriloj kaj al la apliko de ĉiuj reguloj pri higieno, «Spa - Monopole» estas vere model-instalaĵo.




LA NOVAJ INSTALAJOJ DE "SPA MONOPOLE".

Tre kontentaj pro tiu instruplena vizito, ni akceptis la kore prezentitan honor ... (tute ne tion, kion vi pensas!) ... akvon freŝigan. Poste, ni reiris al la Casino, kie ni havis la okazon detale viziti la diversajn baninstalaĵojn, kiuj senkontraŭdire povas rivali kun ĉiuj tiuspecaj organizaĵoj en Eŭropo.

* * *

Granda parto de la kongresanoj reveturis hejmen, lundon vespere, per la — ho, bona Dio! — jes, per la Pentkostaj haringujoj ... senkulpigu, sankta Administracio, — mi intencis diri: vagonaroj. La aliaj restis por partopreni la belegajn postkongresajn ekskursojn, pri kiuj ni nur laŭdon aŭdis.

* * *

Kaj jen! Ĉio finita!

Restas agrabla kaj ĝuoplena rememoro pri la belaj kongrestagoj kaj tutkoran dankSenton al la konstruintoj de tiom da plezuro. Tiu sincera dankSento, senrezerve de ĉiu kongresano iras al niaj bonaj amikoj: Pirnay, Delhez kaj Hérion, kiujn tiel efike helpis F-ino Assenmacker, S-roj Jacoby, Smedley, Desonay, Ges-roj Borckmans kaj kelkaj aliaj, kies nomojn ni ne konas, inter kiuj ĉiuj gejunuloj, kiuj subtenis per kunlaboro en la propaganda kaj en la salon-oranama fakoj.

Al ĉiuj, mallonge sed plej kore: Dankon!

---

## EĤOJ DE LA KONGRESO.

Ĉiuj gazetoj de Verviers plej simpatie raportis pri la ĵus pasintaj esperantistaj festoj, kiuj eĉ inspiris tiean poeton verki priesperantan poeziaĵon, kiun li aperigis en gazeto «Le Jour» de la 13-14a de Junio, kaj kiun ni permesas al ni transkribi por niaj legantoj:

---

### LA TOUR DE BABEL.

Aux espérantistes.

Les hommes, dans le temps, s'ennuyant sur la terre,
S'avisèrent un jour de monter jusqu'au ciel,
Et comme ils ne parlaient qu'un langage sommaire,
Mais le même pour tous, réunis à Babel,
Vite, ils furent d'accord pour construire sur l'heure
Une tour gigantesque, en blocs superposés.
Croire que l'on peut tout, ce fut toujours un leurre:
Les projets orgueilleux sont bientôt renversés.
La voyez-vous d'ici, la tour pyramidale?
Elle semble narguer les plus fameux palais.
Mais, subissant soudain les coups d'une rafale,
Elle s'écroule aux pieds des maçons stupéfaits.

On dit qu'au même instant, privés de la mémoire,
Ils cherchaient à se plaindre et ne s'entendaient plus.
C'en est fait désormais de leurs rêves de gloire,
Les voilà divisés par des propos confus.
Ne se comprenant pas, de longues controverses
Viennent creuser entre eux des abîmes sans fond.

… … … … … … … … … … … …

Que de maux sont causés par des langues diverses,
Puisqu'aux malentendus, la haine correspond!
C'est elle qui, règnant en vile souveraine,
Arma souvent les bras des premières tribus;
C'est elle dont le souffle, en peu de temps, déchaîne
La guerre, ce fléau, maudit par les vaincus.
Et le vainqueur aussi, pleurant sur trop de tombes,
Regrette amèrement le sang qu'il a versé.
Ainsi l'humanité rougit des hécatombes
Qu'exige la finance ou l'orgueil insensé.
Mais comment mettre un terme aux combats homicides?
Par des traités? Non pas. Par des rapprochements
D'âmes et de cerveaux qui, devenant solides,
Produiront plus de fruits que les plus beaux serments,
Déjà l'ESPERANTO, sans abolir les langues
Que les peuples jaloux entendent conserver,
Va resserrer des mains, des mains qui sont exsangues,
Car elles ont longtemps lutté pour nous sauver.
Quand les hommes, enfin, auront des mots semblables
Pour les mêmes tourments ou la même douleur,
Quand tous éviteront les querelles coupables,
Unis par un langage, ils n'auront qu'un seul cœur.

8-9 Juin 1925. Edmond DUESBURG.

---

# DISCOURS A L'HOTEL DE VILLE DE VERVIERS.

PAROLADO EN LA URBODOMO DE VERVIERS.

Monsieur le Bourgmestre,

Messieurs les Echevins et Conseillers Communaux,

Les membres du XIVe congrès espérantiste belge se réjouissent à un double titre de la réception officielle que leur fait en ce jour l'édilité verviétoise.

Verviers fut, Messieurs, le berceau de ces manifestations annuelles de l'Espérantisme en Belgique, auxquelles vous avez daigné imprimer dès

le début un caractère officiel. Ce fut, en effet, en juin 1909 — quatre années après le mémorable premier congrès espérantiste universel de Boulogne-sur-Mer, qui inaugura si brillamment l'ère de la lutte publique, si l'on peut dire, en faveur de l'introduction dans les relations mondiales, d'une langue auxiliaire, destinée à suppléer les langues nationales chaque fois qu'à raison de leur diversité, ces dernières deviennent un obstacle à la compréhension entre individus parlant des idiomes différents — ce fut, dis-je, en juin 1909, que les autorités communales de Verviers reçurent en cet hôtel de ville, les représentants de notre premier congrès national.

En faisant ainsi crédit au mouvement espérantiste belge naissant, vos autorités firent preuve d'une saine clairvoyance, et en le patronnant officiellement, elles servirent excellement la bonne cause, car leur exemple fut suivi par la magistrature communale de toutes les villes où depuis lors les Espérantistes belges allèrent tenir leurs assises: Bruges, Charleroi, Gand, Spa, Malines, et, après l'armistice, St-Gilles-Bruxelles, Liége, St-Nicolas, Namur et Bruges encore marquent les étapes qui jalonnent la route officielle, sans cesse ascendante, suivie par le mouvement espérantiste dans notre pays. L'exemple donné par les édiles de Verviers porta donc ses fruits et c'est là un premier motif de la joie qu'éprouvent les adhérents de notre congrès actuel, joie qui se double à votre égard, Messieurs, d'un sentiment de profonde gratitude, du chef de la nouvelle preuve d'intérêt et de l'appui officiel que vous nous donnez encore une fois en ce jour.

Mais il est une autre cause à la joie des Congressistes; c'est de constater que le bon grain, jeté d'une main si prodigue de par le monde, depuis bientôt une quarantaine d'années, commence à lever, surtout depuis l'armistice, avec une abondance vraiment inespérée et une rapidité extraordinaire, abondance et rapidité prometteuses, à une échéance peut-être plus courte qu'on ne pourrait se l'imaginer, d'une moisson splendide et... définitive.

C'est, qu'en effet, non seulement ce que j'appelerai le mouvement espérantiste «intrinsèque», déjà si actif avant la tourmente de 1914 - 1918, s'est, depuis les dernières années, développé en une magnifique floraison mondiale, mais qu'en outre, depuis ce même temps, est venu s'y ajouter un mouvement «extrinsèque» de la plus haute importance.

Le développement du premier de ces mouvements se caractérise: 1) par un accroissement sensible de nos sociétés de propagande ainsi que par la fondation en un nombre toujours grandissant d'associations espérantistes se proposant des fins littéraires, artistiques, musicales, scientifiques, religieuses, sociales, professionnelles, commerciales, touristiques et même, dans les derniers mois, radiophoniques;

2) par la multiplication, dans ces mêmes domaines, de nos journaux et revues, de nos brochures et de nos livres qui répandent dans toutes les parties du monde des ouvrages originaux ou traduits de

toutes les langues civilisées anciennes ou modernes, et forment une collection qui a pris des proportions énormes, qui s'agrandit encore chaque jour et qui constitue le plaidoyer le plus éloquent en faveur de l'universelle valeur de la langue;

3) par le succès toujours grandissant de nos congrès espérantistes internationaux réunissant annuellement jusque 3000 membres accourus de tous les points du globe et s'entendant, plusieurs jours durant, dans la seule langue qu'ils possèdent en commun: l'Espéranto; congrès patronnés par le chef de l'état où ils ont lieu et auxquels un nombre toujours croissant de pays délèguent des représentants officiels.

Laissez-moi vous dire en passant, Messieurs, que le XVIIe de nos congrès internationaux aura lieu à Genève, du 2 au 7 août prochain et sera organisé pour la première fois sous la forme d'une université internationale, calquée sur celle qui fonctionna, d'ailleurs très brillamment, à Bruxelles pendant quelques années, mais bénéficiant de l'unité de langage.

Toutefois, c'est le mouvemet extrinsèque se manifestant depuis quelques années dans des milieux ni officiellement ni essentiellement espérantistes, qui élève au plus haut degré la joie dans le cœur des apôtres de la cause de la L. I., parceque ce mouvement nouveau leur prouve que leur idéal est de plus en plus compris et apprécié par la masse, tout au moins intellectuelle, des humains et qu'ils commencent ainsi à entrevoir l'aurore du jour du triomphe final,du jour où tout homme du monde civilisé, pratiquant l'Espéranto comme langue seconde, à côté de sa langue maternelle, pourra se faire aisément comprendre, en quelque pays qu'il se trouve, et se sentira vraiment chez lui dans le monde entier!

Ce mouvement extrinsèque consiste, entre autres et surtout, dans les conférences internationales qui se succèdent presque d'année en année depuis 1922 et où l'Espéranto est employé seul ou à titre principal par les participants pour la communication de leurs expériences et l'expression de leurs vœux.

C'est d'abord la **conférence internationale pour l'Enseignement de l'Espéranto** dans les écoles. Elle se réunit à Genève du 18 au 20 Avril 1922, dans les locaux mêmes de la Société des Nations, à l'initiative de l'«Ecole des sciences de l'Education», autrement dénommée «Institut J. J. Rousseau». Elle fut ouverte par Sir Eric Drummond en personne, secrétaire général de la Société des Nations, dont le discours en langue anglaise fut traduit en Esperanto par M. Fujisawa, membre japonais du Secrétariat de la S. des N. Pendant trois jours consécutifs des éducateurs de la jeunesse, hommes et femmes, des représentants d'un grand nombre d'états, de ministères,de directions,de départements d'instruction publique, de municipalités, de chambres de Commerce, etc., appartenant à un grand nombre de nationalités diverses, y communiquèrent les avantages résultant d'expériences absolument concordantes et concluantes,

faites dans les divers pays, concernant l'enseignement de l'Espéranto aux enfants, et conclurent à l'utilité incontestable de cet enseignement à un grand nombre de points de vue.

C'est encore la **conférence internationale pour la langue commerciale universelle,** convoquée du 2 au 4 Avril 1923, à Venise, à l'initiative de la «Chambre de commerce italienne pour la Suisse». Y participèrent les délégués de 21 foires commerciales et de plus de 150 chambres de Commerce, syndicats ,offices, confédérations, ligues, ministères, etc. d'ordre commercial, économique ou touristique. L'Espéranto y fut de nouveau l'organe unique dont se servirent les délégués au cours de six séances, pour faire part de l'usage déjà fait de la L. I. par les foires commerciales, ainsi que des résultats obtenus en matière commerciale en général, grâce à l'emploi de l'Espéranto — et pour émettre leurs vœux et résolutions concernant cette langue.

Signalons ici au passage, l'introduction de l'Espéranto dans la **Croix-Rouge** et dans les écoles de la **Cambre de Commerce de Paris.**

Ce sont, encore et toujours, les efforts faits au sein même de la **Société des Nations,** efforts qui ont abouti à ce résultat splendide de voir la Société des Nations, dans son assemblée générale du 20 septembre 1924, recommander, à l'unanimité des voix, l'usage de l'Espéranto, à côté des langues nationales, comme langue «claire» dans les relations télégraphiques et radiographiques.

Ce sont, enfin, Messieurs, les trois triomphes les plus récents que notre langue vient de remporter à Pâques d'abord, au premier **congrès international des Fédérations des sociétés radiophoniques** du monde entier, congrès tenu à Paris, et qui proclama à l'unanimité moins deux voix, l'Espéranto langue auxiliaire officielle pour les relations radiophoniques internationales, — et, de fait, plus un seul jour ne se passe, sans qu'il se donne, par l'une op l'autre station, un cours d'Espéranto, ou que se transmette, dans cette langue, quelque communiqué, quelque discours ou quelque chant, par la voie merveilleuse de la T. S. F.!

...Enfin, encore à Paris, il y a une quinzaine de jours à peine, l'Espéranto remporta les deux plus récents triomphes auxquels je viens de faire allusion: ce fut aux deux très importantes conférences internationales qui eurent lieu simultanément du 14 au 17 mai, l'une, **conférence commerciale et industrielle,** l'autre, **conférence technique,** aux cours desquelles notre langue résonna de nouveau pendant plusieurs jours, entre commerçants et industriels et les représentants d'un grand nombre de corps officiels d'une part, entre savants venus de tous pays d'autre part, et où elle prouva une nouvelle fois, non seulement sa valeur comme idiome commercial, mais en outre, toute sa souplesse, tout son mérite et toute sa précision comme langue scientifique.

Vous le voyez, Messieurs, les évènements se sont accumulés et précipités au cours des dernières années, voire des derniers mois; il n'y a donc rien d'étonnant à ce que vous voyiez rayonner la joie sur le visage

des congressistes, car jamais la cause de l'Espéranto ne fut plus encourageante à défendre qu'à l'heure présente.

L'exposé que vous venez d'entendre, vous prouve également, Messieurs, combien vous eûtes raison de patronner officiellement, surtout dans une ville industrielle comme Verviers, le mouvement espérantiste, non seulement en accueillant, en 1909 d'abord et aujourd'hui même, les Congressistes belges, mais aussi en organisant, comme vous le fîtes, un cours d'Espéranto dans le 4e degré des écoles de votre cité.

Puissent les commerçants et les industriels verviétois, comme tant de leurs collègues à l'étranger le firent déjà, comprendre l'utilité de la réclame dans nos journaux et dans nos annuaires espérantistes, et agrandir par ce moyen le chiffre de leurs affaires! Ce serait le résultat pratique, le plus beau de ce Congrès!

Au nom des congressistes ici présents, je vous remercie, Messieurs, de votre sollicitude envers notre mouvement ainsi que du charmant accueil que vous nous réservez en ce jour.

Vive la ville de Verviers! Hourrah pour ses nobles représentants!

L. COGEN.

---

# GRATULOJ.

Multaj el la membroj de «La Verda Stelo», Antverpeno, kiuj dum sia studotempo en la Normala Lernejo, lernis Esperanton atingis en Julio la finon de siaj studoj, kaj akiris la diplomon instruistan. Inter ili ni citu: F-inojn Jos. Braeckmans, Fanny Dupuis, M. De Voogt, G. kaj E. Engels, E. Gremling, Jeanne Guns, E. Gijsen, Julia Huyghebaert, Germaine Kenens, Mees, A. Pruym, Elisa Thys, Irma Verhoeven, J. Van Bree, Van Looveren, kaj S-roj Willy De Schutter, Wouters kaj Timmermans. Inter ili ni speciale citu F-inon Germaine Kenens kaj S-ron Willy De Schutter, kiuj eliris intersekve kiel la unua kaj la dua laŭreato.

Al ĉiuj ni prezentas nian sinceran gratulon kaj esprimas la deziron ke ili helpu laŭeble la klopodojn de la Esperantista grupo por la propagando de Esperanto inter la studemaj lernantoj de siaj estontaj lernejoj.

---

# KORESPONDANTOJ: ATENTU!

---

## ANTVERPENO: ESPERANTAJ POŜTKARTOJ.

«La Verda Stelo» de Antverpeno komencis la eldonon de ilustritaj poŝtkartoj kun esperanta teksto kaj detala klarigo de la vidaĵo. La komitato sin turnis al la bonkonata eldonisto «Nels» de Bruselo, kaj nun-

tempe la unua serio de 10 artplenaj poŝtkartoj estas preta; dua serio kun 10 aliaj vidaĵoj baldaŭ sekvos.

La poŝtkartoj estas haveblaj en la sidejo de la grupo («De Witte Leeuw»), okaze de la ĉiuj sabataj kunvenoj; ankaŭ je la sekvantaj adresoj: Leempustraat, 11 — Kl. Hondstraat, 11 — Vleminckstraat, 18 — Kerkstraat, 170.

Prezo de unu serio: (10 kartoj en speciala koverto): 1 FRANKO. Afranka poŝtsendo, kiel presaĵo: Fr. 1.10 enlande — Fr. 1.25 eksterlanden, post ricevo de la sumo ĉe «La Verda Stelo» (postĉekkonto No 726.54), Leemputstraat, 11, Antverpeno.

---

# LA FRIVOLULINO.

## I.

«La sinjorino estas forveturinta per la aŭtomobilo», oni respondis el lia domo, kiam li telefonis por demandi la veturilon, kaj Juan, forlasinte la oficejon, estis devigata atendi la tramveturilon. La unua kiu pasis estis plenega, la sekvanta ankaŭ, kaj tiuj, kiuj pasis poste, same; koncerne la fiakrojn, eĉ ne plaĉis al la sinjoroj fiakristoj rigardi la malfeliĉulojn, kiuj de pordoj kaj fenestroj faris malesperajn signojn, vokante al ili.

Juan eksentis la stimulilon de la malsato kaj, kvankam laŭŝajne la pluvo ne baldaŭ ĉesiĝos, li ne trovis pli bonan rimedon ol alkroĉi sin al malpurega rimeno kaj penegi por konservi ekvilibron sur la ŝtupeto de tramveturilo, kaj tiamaniere li alvenis en sian domon kun doloranta brako, tramalsekigita de la pluvo, kaj, kompreneble, ne tre bonhumore.

«Ĉu la sinjorino jam revenis?» li demandis al la servistino.

«Ne, Sinjoro, sed forirante kun la sinjorino de la advokato Marin, ŝi diris, ke oni ne ŝin devos atendi ĉar ŝi ne manĝos hejme».

»Kaj kie estas Tomasito?»

«Li estas malsupre, sinjoro, ludanta kun la infanoj de la motoristo».

«En tia pluvo kaj kun tia malvarmumo, kian li havas! Al kio vi pensas, virino?»

«Li ekploris kiam la sinjorino forveturis kaj, por lin distri, mi ne sciis kion fari krom lasi lin malsupreniri».

«Li tuj revenu kaj metu aliajn vestaĵojn! Ĉu la tagmanĝo estas preta?»

«Ne, ĝi tute ne estas preta... Oni ne havas bolitan rizon. La sinjorino forgesis lasi rizon por la tagmanĝo kaj ŝi kunportis la ŝlosilojn de la manĝoŝranko...»

Oni estas devigata demandi rizon kaj panon en la restoracio ĉe la

stratangulo. Tomasito envenis la ĉambron ĉirkaŭvolvitan en litkovrilo. Liaj vestaĵoj estis malsekaj kaj malpuraj, kaj oni ne havis la ŝlosilon de la vestoŝranko, kaj ankaŭ pro tiu sama motivo la patro devis manĝi, vestita en sia burnuso.

Eksonis la telefonsonorileto... kaj ne ĉesis insiste sonoregi... kaj kiam Juan estis ekpreninta la aŭdilon, mildafekta voĉo suzuris: «Ĉu estas vi, Juan? Mi estas Maria, la edzino de Marin. Carmen estas kun ni en la Filipina Klubo kaj ni ŝin detenos ĝis tre malfrue en la vespero. Ne atendu ŝin por la tagmanĝo, ĉar ni jam estas finintaj ĝin ĉe ni. La estraro de nia Gajvigla Rondo decidis, ke nia maskitaro ĉiutage ripetadu, ĉar la Karnavalo estas tre proksima kaj ni ne povas perdi tempon. Pepito de Leos estas nia arta direktoro, kiel vi scias kaj... kio?... kion vi diras? Sed, malbona edzo, kie estas viaj ideoj?... Sed ne, sinjoro,... Vi devas esti saĝa! Ĉu pro nura egoismo, vi estus kapabla malpermesi, ke via edzino plenumu siajn societajn devojn?...

Juan tre malfacile kapablis aŭdigi sin. Carmen povas iri kien ŝi volas; ŝi povas danci ĝis la tago de la Juĝo, sed lin kaj lian filon ŝi ne rajtas lasi vestitaj laŭ araba kutimo... Carmen havas la ŝlosilojn kaj ili ne havas eĉ unu sekan vestaĵon por meti... kaj li devas peni por ne ekdiri kion li pensas pri ŝi, ŝiaj gajpetolemaj gekunuloj, pri la maskitaro kaj pri tiu besto de Pepito, tiu fama amindumisto de edziniĝintaj virinoj.

«Se nur estas tio», rediris la dolĉega voĉo post mallonga konferenco kun la koncernita, «Carmen diras, ke la ŝlosilaro troviĝas post la moderna statueto en la salono, aŭ en la supra tirkesto de sia skribotablo, aŭ eble en la tirkesteto de sia tualettablo... Ŝi ne rememoras en la nuna momento, sed ŝi estas certa, ke ŝi ĝin lasis hejme...»

Juan rependigis la aŭdilon eligante koleran blasfemon. Malbenita la tago kiam en ilian kapon venis la ideo transloĝi en la urbon kaj interrilatiĝi kun tiu societo tiel frivola, kiu sukcesis tute perdigi la kapon, jam ne tro prudentan, de Carmen! Kiam alproksimiĝis la festoj de Kristnasko, de Novjaro kaj de tiu teda Karnavalo, oni neniam trovis la dommastrinon hejme dum la tuta tago; aŭ ŝi estis ĉe la tajlorinoj provanta vestaĵojn, en la «Escolta» ĵetanta monon plenmane,au ŝi estis vizitanta amikinojn kaj ekprovis novajn baletojn kun ili. Maloftaj estis la noktoj, dum kiuj oni ne rekontis ŝin en dancejoj kaj kunvenejoj, flirtantan kun la plej granda senĝeno de la mondo, laŭ la malicaj rimarkoj de senkompataj langoj... Kaj Juan, pro prudenteco, por eviti skandalon, por ne reprezenti la edzon tiranan kaj ĵaluzan, ĉiam silentis. Li blinde amis sian edzinon, kiu estis multe pli juna ol li, kaj li plene fidis je ŝi, malgraŭ ŝia frivoleco. Kiam membroj de lia familio ekatentigis lin je la maldeca konduto de lia edzino, Juan respondis al ili: «Carmen estas juna kaj ŝatas sin distri, sed mi ne kredas, ke ŝi kapablas fari abomenindaĵon; ŝi estas frivola, sed ŝi estas honesta».

Tamen, kiom multe li suferis, la malfeliĉulo!... Por silentigi la malic-

ajn dirojn, por forigi ŝin el tiu centro de logoj, li decidis transloĝi en Caloocan, en la domon de siaj gepatroj, sed Carmen energie rifuzis tion fari, kaj li estis devigata cedi... Li esperis, ke la jaroj kaj precipe la patrineco, ŝanĝigos la karakteron de ŝi, sed liaj esperoj ne ŝajnis realiĝi. Tomasito jam estis kvinjara kaj lia patrino daŭrigis esti tiel senzorga kiel la unuan tagon, se ne pli. La knabeto kreskis inter servistoj kaj ĉiutage li estis pli strangeta kaj kaprica. De kiam Carmen apartenis al la Gajvigla Rondo ĉio malprosperis en tiu domo. Tiom multe mankis, tial ke la mastrino neniam estis tie kaj pri tiom da aliaj aferoj la servistoj ne sin okupis,profitante ŝian foreston! Patro kaj filo estis devigataj vesti sin per eluzitaj vestaĵoj kaj manĝi malbonegajn manĝaĵojn!... Dio! Kiom malsimila estis tiu ĉi malgaja kaj nezorgita domo al tiu dolĉa hejmo, kiun li iam sopiris!...

Li forlasis la tablon apenaŭ manĝinte ion, kaj ekserĉis la ŝlosilaron... Li ne trovis ĝin malantaŭ la statueto, nek en la tirkesto de la skribotablo, nek ankaŭ en tiu de la tualettablo... Juan devis ree serĉi en ĉiuj tirkestoj kaj ĉiuj anguloj de la domo, kaj kiam fine li jam komencis malesperi, li trovis ĝin en la kudrilarujo.

II.

Kiam Juan posttagmeze revenis hejmen, Carmen ankoraŭ ne estis tie, kaj la infano febris, eble pro la malsekiĝo en la mateno. Li amegis sian filon kaj tiu ĉi estis la guto, kiu igis la kalikon de liaj resentoj pli ol plena. Kaj kiam la patrino tre malfrue revenis, ege kontenta pri la rezultato de la ripetadoj, li, nedonante al ŝi tempon rakonti ion pri tio, riproĉe admonis ŝin... Tiu vivmaniero ne povas daŭri pli longe. Ĉu ŝi estas aŭ ne patrino de ilia infano? Jes? Sed tiam ŝi devis resti hejme kaj zorgi pri ĝi kaj la filo, anstataŭ dancetadi kun tiu senhonta Leos, kaj festi kun tiu aro da senokupulinoj, da tiuj dancistinoj forkurintaj el la infero........

Carmen leviĝis ruĝa pro indigno kaj honto... sed antaŭ ol ŝi kapablis respondi al la riproĉoj de sia kolerigita edzo, la aro da inferaj senokupulinoj, kondukataj de sia prezidantino,ŝarĝpaŝe eniĝis en la ĉambron... Estis la kunulinoj de Carmen kiuj, de la apuda ĉambro estis aŭdintaj ĉion... La infano kredis, ke li revas, ke li estas envolvita en terura premsonĝo... Li vidis aron da virinoj, kun fajrelĵetantaj okuloj, kiuj kolerkriegas, dum ili moviĝas kun perfortaj mangestoj ĉirkaŭ lia Paĉjo,kiu certe ne pensis, ke la malamiko estas tiel proksima... Ili parolis ĉiuj kune pri multaj aferoj, kies signifon li neniel komprenis. Li vidis sian Panjon fali,kaptitan de nerva atako,li vidis sian Paĉjon eliri, frapantan la pordon, kaj poste, kiam li vidis sin ĉirkaŭitan de tiuj virinaĉoj, tiom malsimilaj al la tiel afablaj amikinoj de sia Panjo, li sentis tiel teruran timegon, ke li ankaŭ svenis.

III.

Multaj tagoj estas forpasintaj... tagoj de korpremateco kaj de doloro por la geedzoj. La febro de Tomasito komplikiĝis pro bronka pulminflamo kaj eĉ la kuracisto intertempe ektimas, ke la malsanuleto baldaŭ mortos.

Juan ne plu iras al la oficejo. Li tute forlasis siajn okupojn kaj, maljuniĝinta pro malkvieteco, pasigas horojn kaj horojn aŭtomate ĉirkaŭirante la liton de la malsanuleto, aŭ medite rigardante lin el angulo de la ĉambro.

Carmen ne estas suferinta malpli. De kiam komenciĝis la malbona stato de la infano, ŝi plene ŝanĝiĝis. La edzino frivola, amikino de festoj kaj amindumado, la malbona patrino, kiu sin okupis pri sia infano, kiel kaprica filineto pri malnova forgesita ludilo, estas malaperintaj de la scenejo, cedante sian lokon al la patrino amanta kaj memforgesanta, preta por ĉiu sinofero. Dum multaj noktoj ŝiaj plorruĝigitaj okuloj ne konis dormon, kaj, dezirante forgesigi sian antaŭan forlasadon, sian antaŭan nur ŝajnan mankon de amo, ŝi superŝutis la malsanuleton per zorgoj kaj karesoj, kaj eĉ ne dum unu momento ŝi forlasas lin...

Ŝi rompis ĉiujn rilatojn kun siaj amikinoj; iliaj telefonaj komunikoj, iliaj leteroj, — de la kolereksplodo de Juan.neniu el ili riskis sin persone prezenti, — ne ricevis ion pli ol la lakona respondo: «Mia filo malsanas kaj mi ne povas, ne deziras lasi lin sola». Pepito, tiu sama Pepito, ŝia preferata kundancisto, ne havis pli bonan sorton. Multfoje li iris viziti ŝin, sed eĉ ne unufoje li sukcesis esti akceptata.

Fine, post multaj tagoj da doloriga necerteco, la sperteco de la kuracisto kaj la flegado de la amantaj gepatroj triumfis... La malsano estis venkita kaj la morto foriĝis, kvankam malrapide, tre malrapide, kvazaŭ kontraŭvole, kvazaŭ ĝi bedaŭrus forlasi tiun kaptaĵon tiel grandvaloran... Sed ĉiu danĝero estis forpasinta kaj, eksciinte tion, Juan, freneze ĝojegante, sin sentis duoble feliĉa... Same mirakla al li ŝajnis la resaniĝo de lia filo, kiel la ŝanĝiĝo de lia edzino!...

Sel lia ĝojo mallonge daŭris... La infano baldaŭ havigis al li novajn motivojn de maltrankvilo. Li nun plene ekresaniĝis, sed, ju pli la danĝero forpasis, des pli silentema kaj kaprica iĝis la knabeto; li ne volis leviĝi, kaj kiam oni diris al li, ke li baldaŭ povos iri al la Luneta kaj kureti sur la herbo, anstataŭ ĝoji kun liaj gepatroj, Tomasito, ĵetante sin sur la kolon de sia patrino, ekploris, balbutante: «Mi ne volas iri al la Luneta, tial ke mi ne volas resaniĝi!...»

Kaj kompreneble, ili kredis ke tio nur estis petolaĵo, nur pasanta kaprico de malsanulo, nur strangaĵoj de resaniĝanto... Sed, tre klare tio estis pli grava ol oni pensis. Dum la tagoj forpasis, Tomasito pli kaj pli iĝis tute obstina... Li ne volis moviĝi de la lito, kaj nek per petegoj, nek per minacoj, oni sukcesis lin prenigi pli da drogoj. Liaj manetoj ne forlasis tiujn de Carmen kaj, kiam tiu lasta foriris, liaj okuloj ŝin sekvis maltrankvile...

Kaj al la petegoj de la patrino, al la admonoj de la patro, al la minacoj de la maljuna kuracisto, kiu diris ke oni enfermos lin en malsanulejon, la knabeto respondis, ripetante sian ĉiaman redirajôn:«Mi ne deziras resaniĝi, mi ne volas!...»

Tio ne povis pli longe daŭri. La gepatroj ekkoleris kaj la avino estis devigita interveni... Ŝi prenis la kulpulon en la brakojn, sidigis lin sur siajn genuojn, dolĉe alparolis lin, kaj la sekvo estis, ke fine, venkita per la amplenoj vortoj kaj la kisoj de la bona virino, la infano, ploregante kiel Magdaleno, klarigis la kialon de tiu lia eksterordinara kaprico, kiu igas lin ne voli resaniĝi, la sekreton de tiu lia granda kaj tiel firmega deziro resti en la lito.

«Avinjo, ne riproĉu min! Mi ne volas preni tiun siropon, ĉar mi ne volas resaniĝi tial,ke tuj post kiam mi ree estos sana, mi ne plu vidos mian panjon hejme... kiel antaŭe, ĉu vi rememoras? Ŝiaj amikinoj venos kaj ŝin kunlogos, kaj kiu restos kun mi? Paĉjo iros al sia oficejo kaj, sen panjo, hejme li estos tiel malĝoja, tiel malĝoja kaj mi denove tiel sola!... Nun panjo okupiĝas pri mi, panjo amas min, panjo ja ne eliras, nek foriĝas de mia flanko ĉar mi malsanas... Pro tio, avinjo, pro tio mi ne volas resaniĝi... ĉar mi perdos ŝin... kaj ĉu mi agas malbone, avinjo?...»

Kiajn dolorajn ĉagrenakcentojn Dio metas en la buŝon de la infanoj al kiuj mankas amo... Carmen kaŝis sian vizaĝon en la litkrovilojn por ne aŭdi tiun kulpigan voĉeton, por ne vidi la mondon da riproĉoj, kiu elmontriĝas el la okuloj de sia patrino kaj edzo... La ĝustatempa alveno de Mary finigis tiun embarasan situacion...

«Carmen», ekkriis la ĵus alveninta virino, sonore kisante ŝin sur la vangoj. «Jen mi estas, kun la tajlorino. Nia amiko, Pepito, elpensis kelkajn ege luksajn vestaĵojn por la maskobalo en la «Kazino». Ni formos belegan ciganan maskitaron kaj li elektis vin por danci kun li; vi estos la Gereĝoj de la Kortego de l'Mirakloj...»

Ve! je tiu magia parolo, la iama Carmen, la frivola elegantulino reviviĝis, ĉion forgesante... Petito, la dando, kies koron kiopodis kapti Sinjorino de Eme, kaj multaj aliaj virinoj, precize ŝin elektis kiel kundancantinon! Kaj tio malgraŭ ŝia rifuzo akcepti lin!... Kiom tio flatis ŝian memestimon de flirtemulino, kaj kiom koleregus tiu aroganta Sinjorino de Eme, tiu nekontraŭstarebla korrabistino!... Ŝi, verdire, eĉ ne dum unu momento intencis akcepti la amon de la maltimema amaĉisto; ŝi nur serĉis amuziĝi kaj pasigi la tempon. Pepito dancis bone kaj ŝia virina gloretamo estis flatita, kiam ĝi vidis sin la objekton de la admiro de fama Don Juano...

Ŝi iros, jes, kial ne? Ŝi jam sufiĉe sinoferis... La infano ja denove sanis... Post ŝia longa propravola enfermiĝo, post tiom da dolorplenaj noktoj, sen pli da societo ol la malgaja vizaĝo de sia edzo, kaj la odoro de pomadoj kaj medikamentoj, tiu maskobalo havis por ŝi nekontraŭstareblan allogon... Ŝi sopiris je la bruado de siaj amikinoj, la ĝentileco

de sia kortego da amindumistoj, la murmuro kiun ŝia multekosta robo kaŭzos...

Subpremita plorĝemo ŝin revokis al la realeco... Ŝi rigardis ĉirkaŭ si... Juan turnis la dorson al ŝi, kaj rigardis tra la fenestro; ŝia patrino, pala kaj silenta, tenis la infanon, kaj tiu lasta, kvazaŭ li legus en la okuloj de sia patrino la tutan aregon da pensoj, kiuj trafiugis ŝian malsaĝan kapeton, ĝemploris, etendante la manetojn al ŝi... kaj vidante tion, la patrina amo denove ekposedis ŝin, sed nun por neniam plu ŝin forlasi...

«Kion vi respondas, Carmen?» demandis Mary, mirante pro la longa silento. «Ĉu mi envenigos la tajlorinon?»

«Vi povas fordungi ŝin», Carmen respondis, kisante sian fileton. «Mi treege dankas vin por tiom da komplezemo, sed mi ne povas partopreni en maskitaro. Mia infano ne ankoraŭ estas plene resaniĝinta kaj...»

«Sed de nun al Februaro, Carmen, ĉu vi ne kredas...?»

Ne utilas, ke vi insistu, Mary... La societa vivo ne taŭgas por mi kaj mi intencas ŝanĝi ĝin kontraŭ kampara vivado... Tuj kiam la kuracisto permesos tion, ni iros en Caloocan en la domon de miaj boge-patroj... Ankoraŭ hodiaŭ mi skribos al la sekretario de nia klubo, petante lin forigi mian nomon de la membrolisto...»

La definitiva paŝo estis farita!... Ŝi subite kaj por ĉiam estis forjetinta ĉiun socian superecon: kiel alia Hernan Cortes, ŝi mem bruligis siajn ŝipojn por al si malebligi la retiriĝon... Sed la ĝojego, kiun ŝi ekvidis lumi en la vizaĝoj de siaj familianoj treege dolĉigis la rezignon kaj rekompencis la oferon... kaj, dum Mary kontraŭvole sin retiras, super la kunigitaj kapoj de patrino kaj fileto, la malsekaj rigardoj de patro kaj avino renkontiĝas, kaj en ili — fine — brilas la feliĉo kaj la espero pri plibonaj tagoj.

El la hispana originalo de Fraŭlino Maria Paz Zamora el Manila (Filipinaj Insuloj)

tradukis M. Boeren, kun afabla permeso de la aŭtorino.

---

# BELGA GAZETARO.

ANTVERPENO. — «De Diamantbewerker» 6-5: Raporto de la «Socia Fako» de la Diamantista Ligo, en kiu estas granda parto dediĉata al ĉio, kion la Ligo kaj la citita fako jam faris por Esperanto. — La agado estas ja laŭdinda kaj imitinda. — 6-6: raporto pri la 19a jarkunveno de la Diamantista Ligo; S-ro Schoen proponis, ke por elekto de oficistoj la Komitato donu preferon al kandidatoj, kiuj scipovas Esperanton; — la propono ne estis akceptita, sed notita kiel deziresprimo. — En la sama numero aperis granda raporto pri ekskurso de Belgaj samideanoj al Bergen-op-Zoom, kie ili estis akceptitaj en la urbdomo.

«Neptune», 27-5: komuniko pri la decido de S-ro ministro Chaumet (uzo de E. kiel klara lingvo por la internaj telegrafaj rilatoj) sub la titolo: «Por la francoj kiuj nescias francan lingvon. — Sensacia malkovro de S-ro Chaumet, ministro de komerco».

«Minerva - Nieuws» 15-6: propaganda artikolo pri la celo kaj utilo de internacia lingvo.

BRUĜO. — «Journal de Bruges» 4-6: granda raporto pri la komerca kaj scienca konferencoj okazintaj en Parizo. La raportinto speciale notas, ke oni povis konstati ke multaj personoj, kiuj sekvis trimonatan kurson, kapablis dum la tuta daŭro de la kongreso interparoli en Esperanto, sola lingvo de la diskutoj.

BRUSELO. — «Standaard» 29-5: programo de la belga Kongreso en Verviers.

«XX Siècle» 29-5: komuniko pri la decido de la franca ministro S-ro Chaumet.

«Bulteno de la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro». Marto-Aprilo: noto pri la XVIIa Kongreso de Esp. en Genève. La Unuiĝo estas invitita. Ĝi ekzamenos ĉu iu el siaj membroj povos ĝin reprezenti, dediĉante kelkajn tagojn de sia libertempo por tio. — Majo-Junio, publikiĝas la programon de la Unua Internacia Kongreso de la Teknika gazetaro (Parizo 1-4 Okt. 1925), sur kies tagordon ni trovas: «12e, Ĉu la teknika gazetaro devas helpi la disvastigon de la internacia lingvo Esperanto?» Ni petas la atenton de la C. K. kaj de la Scienca Asocio.

GENTO. — «La Flandre Libérale» 10-6: longa kaj favora raporto pri la XIVa Belga Kongreso.

«Gazette van Gent» 19-7: pri la uzo de Esp. en diversaj naciaj gazetoj.

HAL. — «Journal de Hal» 14-6: raporto pri la Parizaj konferencoj.

MEĤLENO. — «Journal de Malines» 14-6: raporto pri Parizaj konferencoj.

VERVIERS. — «Le Courrier du Soir» 3-6: dukolona artikolo pri la kongreso.

«Le Jour» 2-6: dukolona raporto pri la kongreso; 14-6: «La Tour de Babel», kiun ni represas en nuna numero de B. E.; 20-6: komuniko pri la gratuloj, kiujn la loka grupo ricevis de diversaj kongresintoj pro la bona organizo de la kongreso.

«Le Travail» 2-6: raporto pri la kongreso.

«L'Union Libérale» 3-6: longa raporto pri la kongreso kun laŭteksta cito de la respondo de la Urbestro.

———

# RADIO-GAZETARO.

«Radio-Belge»: 4-6: pri disaŭdigo en Esp. el la stacio de Budapest; 11-6: pri disaŭdigoj en Esp. el Leipzig kaj Gr. Britujo; raporto pri la scienca konferenco en Parizo; 18-6: art. pri la kongreso de la francaj Esperantistoj; 26-6: respondo de nia samideano Epton el Londono al la aserto, ke angla lingvo estas tiel facila, ke ĝi povas esti ellernata en kelkaj semajnoj.

«Radio» (flandra revuo pri senfadena telefonio), 15-6: granda dokumentita artikolo pri la supereco de Esperanto rilate al Ido; 11-7: jena cito: «ESPERANTO N-ro 297 multe fieras pri la decido de la internacia Radiokongreso en Parizo, kiu akceptis Esperanton».

---

La grava angla revuo «Experimental Wireless and The Wireless Engineer» (139-40 Fleet street, London, E. C. 4), pri kiu ni jam parolis en nia numero 2 (1925) publikigis en sia Junia kajero ampleksan raporton de kvar paĝoj en Esperanto pri la Int. Amatora Radio Konferenco, originale verkita de speciala korespondanto. — Tiu revuo ne plu donas belajn parolojn kaj promesojn: ĝi agas, uzante la internacian lingvon, kaj tiel montras plej efike ĝian taŭgecon por teknikaj celoj al la neesperantistaj legantoj.

---

# SLOVENOJ KAJ ILIA CEFURBO LJUBLJANA.

Ĉar estas unu el la plej grandaj intencoj de nia kara lingvo interkonatiĝi diversajn naciojn unu kun alia, ni konatigas en jena artikolo al niaj karaj legentoj la plej malgrandan rason de Jugoslavujo, la Slovenojn.

La Slovenoj vivas en la plej norda parto de Jugoslavujo kaj ilia nombro estas entute ĉirkaŭ 2.000.000. Ili staras sur granda kultura ŝtupo kaj inter ili oni ne trovas analfabetojn.

Slovenio estas tre konata pro ĝia natura beleco kaj precipe la montamikoj trovas en tieaj Alpoj la plej grandan ĉarmon. La belecon de tiuj montoj oni povas libere kompari kun tiu de la svisaj alpoj. Pro tio estas ankaŭ inter Slovenoj la turista sporto tre evoluinta. La plej bela kaj granda monto de Slovenio estas Triglav — 2863 m. —; tre belaj estas la Kamnikoj — Steiner — Alpoj kaj Karavankoj. Ĉie oni trovas ĉarmegajn akvofalojn.

La klimato estas en Slovenio tre bona kaj tial oni trovas tie multajn banejojn kaj sanigejojn.

La plej fama kaj granda banejo estas Bled, kun ĝia ĉarma lago. Tie havas sian kastelon la jugoslava reĝo, kiu en ĝi travivas kun sia familio ĉiujare la someron.

Krom tio sin amuzas mil kaj mil fremduloj ĉiujare en Bled kaj admiras la belecon de la ĉirkaŭaĵo.

La provincaj loĝantoj estas plejgrandparte terlaboristoj kaj sufiĉe riĉaj, ĉar ili multe gajnas precipe per siaj riĉaj arbaroj.

Dimanĉe oni povas admiri en la provinco la belajn naciajn kostumojn, precipe ĉe la virinoj.

La plej disvatigita sporto inter la Sloveno estas la gimnastiko. En la plej malgranda vilaĝo oni havas gimnastajn societojn («Sokol») kaj en la pasinta jaro elportis el la olimpiado de Paris la unuan premion por gimnastiko, la Sloveno Leo Štukelj.

Ankaŭ la piedpilka sporto kaj la malpeza atletiko estas multe evoluinta; tre multe ankaŭ la vintra sporto «skii».

La popolo estas laŭ sia naturo tre gaja, amuzema kaj prepice en rilatoj kun fremduloj tre afabla.

En Jugoslavujo havas Slovenio la plej ageman industrion kaj komercon. Memorinda estas la granda karbominejo Trbovlje kaj la ferindustria urbo Jesenice.

La komerco pligrandiĝis tie precipe post la mondmilito, ĉar al Slovenio limigas Austrujo, Italujo kaj Hungarujo. La riĉecon de slovena industrio kaj komerco bone montras la ĉiujara granda foiro de Ljubljana.

Ljubljana, la ĉefurbo de Slovenio havas 75.000 loĝantojn, kiuj estas nur Slovenoj, laŭ religio rom - katolikoj. Ljubljana estas la kultura kaj ekonomia centro de Slovenio, sidejo de diversaj administraj estraroj kaj oficejoj. En la urbo estas universitato kun alligita politekniko, komerca akademia, kvar gimnazioj, reallernejo kaj diversaj aliaj fakaj lernejoj. En Ljubljana estas ankaŭ du belaj naciaj teatroj, unu por opero alia por dramo, kie oni reprezentas ĉiutage, krom tio estas ankaŭ kelkaj malgrandaj teatroj. Tie troviĝas ankaŭ konservatorio por kanto kaj muziko. Ljubljana havas tre interesan kaj riĉan muzeon, en kiu oni povas trovi monumentojn, eĉ el la romaj epokoj, ĉar kie nun kuŝas Ljubljana estis unufoje granda romana urbo Emona. Ankoraŭ hodiaŭ oni povas vidi en la suda parto de la urbo restaĵojn de malnova roma ĉirkaŭmuro.

Kvankvan la nombro de Slovenoj ne estas granda, ili havas sian tre riĉan literaturon. Sur diversaj placoj en Ljubljana oni vidas belajn monumentojn de naciaj poetoj kaj verkistoj. En la centro de la urbo staras granda monumento de la plej fama poeto — «patro» de la slovena poetaro — D-ro Francê Prešeren (1800-1849). Antaŭ la muzeo staras la monumento de granda historiografo Vojkhard Valvazor. Bela estas ankaŭ la monumento de la unua slovena poeto Valentin Vodnik.

Ankaŭ la Esperanta movado en Slovenio en lastaj jaroj bone sukcesas kaj en ĉiuj pli grandaj lokoj ekzistas jam kluboj. Diversaj Esperantaj aranĝadoj kaj paroladoj kreskigas la intereson ĉe la loĝantaro kaj oni esperas ke post mallonga tempo estos Esperanto en Slovenio honore reprezentata.

Danilo HERKOV del. de U .E. A.

# PRI TURISMO (Sekvo) (1)

Post Herodoto,vojaĝantoj estis jam pli multenombraj. Tiam la fenikaj maristoj transiris la Mezan Maron: ili eĉ vizitis la Atlantan Oceanon; eble ili marveturis ĝis Hindujo, ĉirkaŭirante laŭlonge de la Afrikaj marbordoj. De tiu tempo komencis vojaĝoj celante komercon aŭ sciencajn akirojn. Dum la regno de Xerxes'o, Sataspes'o projektis viziton al la mondo jam konata, sed li ne preterpasis la Herkules'ajn Apogilojn.

Estas vere admirinda, la kuraĝo de tiuj homoj, kiuj ne timis entrepreni tiajn marveturadojn! Pri geografio, pri veterscienco ili preskaŭ nenion sciis; por ili, ĉio estis timinda, la maro, la ĉielo, la homoj. Submetitaj al por ili blindaj fortoj de la naturo, al la ventoj, ili alvenis al nekonataj landoj: tie ili renkontis similulojn, kiuj tamen ne uzis saman lingvon. Nur per signoj, ili povis komence interrilati; ne dubinde, ke la sentoj de la enlandanoj ne estu amikaj! «**Homo hominis lupus**» skribis Pluto's......

La plej malnova libro pri vojaĝoj, nun konata, ŝajnas esti «Le Périple» (Mara ĉirkaŭvojaĝo) de Hannon. Tiu ŝipestro, komisiita de siaj samlandanoj por organizi veturadon transe de la Herkules'aj Apogiloj, forveturis kun 60 ŝipoj. Preterirante la markolon inter Eŭropo kaj Afriko, li laŭiris la marbordon de Libio, starigis gravan komercan firmon en insulo, kiun li nomas «Cerne», kaj kiun oni supozas esti la insulo nune nomita «Arguin»; poste,li daŭrigis sian vojaĝon dum 26 tagoj. Pri la fino de lia veturo, scienculoj ne interkonsentas, sed estas certe, ke nur la manko de vivrimedoj devigis lin returneniri al Kartaĝ'o. La legado de lia rakonto estas interesplena: li estas rimarkinda observanto, kaj en libroj verkitaj multajn jarojn poste, oni legas similajn opiniojn pri samaj lokoj. Sed, ne estas eble trovi en la verko, sciigojn pri la epoko de la priskribitaj faktoj: laŭ kelkaj scienculoj, ĝi estis dum la 10-a jarcento antaŭ J. K.; laŭ aliaj dum jaro 300 antaŭ J. K.

Alia vojaĝo, famkonata ĉe la grekoj, estis tiu de Pytheas'o kiu ŝajne vivis dum la IV-a centjaro antaŭ J. K. Tiu maltimemulo ankaŭ preteriris la Herkules'ajn apogilojn, sed anstataŭ iri al la sudo, li iris al la nordo, vizitis ĉiujn marbardojn ĝis Svedujo, kaj haltiĝis en insulo «Thule» (verŝajne Islando). Liaj du verkoj, «Pri Oceano» kaj «Cirkaŭveturo sur maro» rakontas la aventurojn de la ŝipanaro: ili estis tre utilaj por la antikvaj verkistoj, kiuj en ili trovis multajn sciigojn.

Multaj aliaj grekaj vojaĝantoj estus citindaj, kiuj ankaŭ lasis postsignojn: ekzemple Neark'o, kiu vizitis la persajn marbordojn, kaj Scilax'o, kiu ĉirkaŭiris Eŭropon, Azion kaj Libion.

La Latinoj ne vojaĝis tiel multe kiel la grekoj: tial ili ne postlasis tiom da vojaĝrakontoj. Nur unu estas konata, la «Vojaĝplano» de Ru-

(1) Vidu B. E. paĝo 21.

tilius Numatianus, oficisto de la Imperiestro Honorius. Ĉirkaŭ la jaro 420-a, li marveturis de Romo ĝis la malnova «Gaule», kaj li rakontas sian vojaĝon per elegiaj versoj: sed li pli ŝatas spritecon ol veron, tial tiu legaĵo estas malmulte fidinda.

(Daŭrigota.) P. BENOIT.

---

# AŬTONOMA MUZIKNOTADO.

En hektografita raporto pri la societa jaro Aprilo 1924 — 1925, S-ro Cogen konigas la nunan staton de la Internacia Asocio por la propagando de la Aŭtonoma muziknotado. El ĝi oni konstatas, ke la Asocio havas jam membrojn en Eŭropo, Azio, Ameriko, kaj eĉ en Afriko kaj sur la insulo Java.

La raportanto citas diversajn propagandajn rimedojn, inter kiuj la presigo de tre trafa poŝtkarto, kies modelon li donas, kaj kies teksto estus ankaŭ uzebla sur leterpapero, sur la dorsflanko de leterkovertoj k. c.. Li anoncas la aperon de mallonga, plena libreto pri la A. M. N. titolita «Elementa kono de la Aŭtonoma Muziknotado», kies teksto estas unue presota en Belga Esperantisto. — Li ankaŭ sciigas pri grava verko de S-ro Hautstont tiam en presado, nun jam aperinta. Titolo: «Etude pratique de l'Universalité des modes»... doigtée et augmentée d'une partie technique pour violon, par Mathieu Crieckboom, professeur du cours supérieur de violon du Conservatoire Royal de Bruxelles, — Edition biographique en notation ordinaire et notation autonome. — La Notation Autonome, Soc. Coop. d'éditions, 24, rue Ruysbroeck, Bruxelles. Kosto: 15 frs, en Belgujo; ekster Belgujo 20 frs.

Tiu 36 × 26 cm. 42 paĝaj kaj belege eldonita libro, enhavas unue du sinoptikajn tabelojn montrantajn la genealogion de la ĉefaj modoj de muzikaj sistemoj, kies gradoj estas konformaj je tiuj de nia fundamenta muzikskalo. Post la antaŭparolo de S-ro Crieckboom, kiu konstatas, ke je la unua fojo estas eldonata verko tre utila por la faciligo de la ludado de moderna muziko por violonistoj; S-ro Hautstont, post citatoj el diversaj muzikscienculoj kaj post propra antaŭparolo klarigas resume la «leĝon de la simetrio aŭ ekvilibro en la muziko» kaj fine montras kiom simpla kaj perfekta por la esprimo de la multenombraj modoj priparolitaj okaze de tiu resumo, estas la aŭtonoma muziknotado. Tio estas majstra pravigo de tiu notado!

La violona parto estas mirinda.Ĝi konsistas el,sur ĉiu paĝo, 12 gamoj, do en ĉiuj tonoj, de ĉiu el la antaŭe montritaj modoj. Ĉiuj tiuj gamoj estas zorge fingrociferitaj, kaj estas presitaj en ordinara notado sur la madekstra duono de ĉiu paĝo, en A. M. N. sur la dekstra duono.

Ne nur ĉiu A. M. N.-amiko sed ĉiu serioza muzikamanto devas nepre posedi tiun pravegan verkon!

# BANKO CREDIT POPULAIRE

Kooperativa Societo

*STATIEPLEIN, 2-3, PLACE DE LA GARE*

## ANTVERPENO

BANKNEGOCOJ

Pruntedono sur urbaj obligacioj k. aliaj valorpaperoj

Aĉeto kaj vendo de akcioj, fremda mono kaj kuponoj

ĈEKOJ SUR ĈIUJ LANDOJ

Hipotekoj je mallonga kaj longa tempo

Malfermoj de kredito

Antaŭpagoj sur komerĉajoj

MONDEPONOJ

Ŝparkaso 4.25 Kuranta konto 3.50 o/o

La deponinto povas ĉiutage senaverte disponi la monon deponitan en Ŝparkaso kaj kuranta konto.

DEPONOJ JE DIFINITA TEMPO

3 monatoj 4.75 — Unu jaro 5.50 o/o

6 monatoj 5.25 — Tri jaroj 6.00 o/o

Impostoliberaj

Feraj monkestoj de po Fr. 10.— jare.

KIE AĈETI PLEJ BONE MALKARE KAJ FIDINDE OL ĈE LA BONEKONATA FIRMO

# V. Vloeberg

Juvelfabrikanto kaj horloĝisto

**Rue du Serment, 17 - Malinas**

Speciala laborejo por riparado

# "PLUMET"

*La plej bona el la digestigaj likvoroj*

ĈIE AĈETEBLA

Distilejo de bongustaj likvoroj LE PLUMET

*Place St Bavon, 14, St Baafsplein*

***GAND - GENT***

# Hotelo - Restoracio - Kafejo

# RUBENS

Rue Neuve St-Pierre 10-12 - GENTO - Telefono 418

Posedanto : Leopold VAN WAES

MANĜOJ LAŬ LA KARTO. — SPECIALAJ MANĜAJOJ.

Salonoj por festenoj kaj festmanĝoj - Laŭburĝa kuirmaniero - Bonaj vinoj

# La Vojagoj Vincent

*59. Boulevard Anspach, BRUSELO (Borso). - Tel. 101.77*

Organizas, en ĉiu tempo de l'jaro, vojaĝojn komunajn, apartajn kaj edziĝajn, en ĉiuj landoj

***La Belgaj Aûto-Veturadoj***

per la beleqaj kaj rapidaj ekskurs-aûtomobiloj de la

VOJAĜOJ VINCENT

Ekskursoj en la G. Dukl. Luksemburgo, en la valoj de Amblève, Semois, Ourthe, en la ĉirkauaĵo de Bruselo.

Petu senpagan alsendon de vojaĝplanoj kaj projektoj.

**Fabrikejo de vojagartikloj**

FIDINDA FIRMO

## AU LÉZARD

***140, Boulevard Anspach, 140***

*(apud la Borso)*

***Telefono 225.94*** ***BRUSELO***

Luksaj vestokestoj.
Garnitaj kestetoj.
Vojaĝkofroj - Sakoj - Paperujoj.

Specimenkestetoj por bombonistoj.

Riparado. — Transformado.

***Fabrikejo de Fortepianoj***

## *G. Van Bastelaere*

***26, Brusselsche Straat, 26***

***GENTO***

TELEFONO 4275

Vendo — Aĉeto — Interŝanĝo — Agordado - Transporto - Riparo, k.c. de Fortepianoj kaj harmoniumoj.

Liveranto al Monaĥejoj. Edukejoj kaj Societoj.

Luksaj kaj ordinaraj örtepianoj.

## J. OOSTERLINCK-VAN HERREWEGE

VENSTERGLAS -- SPIEGELRUITEN

185, Brusselsche Steenweg, LEDEBERG (GENT)


## Ne forgesu

## repagi vian abonon !

VIZITU BRUGES (BELGUJO)

arta urbo je 15 Km. de la Norda Maro

kaj haltu :

# HOTEL DU CORNET D'OR

## 2, PLACE SIMON STEVIN

Sidejo de la Bruĝa Grupo Esperantista.

Centra situacio je 2 minutoj de la Stacidomo.

Tre komfortaj ĉambroj, bonaj manĝaĵoj, bonaj vinoj kaj tre moderaj prezoj.

*La hotelestro, samideano S-o Verbeke, parolas Esperante, france, flandre kaj angle*

# BANQUE de la FLANDRE OCCIDENTALE

Anonima Societo fondita en 1881

***56, Rue Flamande, 56 — BRUGES — Telefono 89***

Agentejoj en Blankenberghe, Heyst kaj Knocke

DISKONTO — MONŜANĜO

KREDITKONTOJ

Pruntedono sur obligacioj kaj ĉiuj valordokumentoj — Depono de Akcioj

Borsmendoj por ĉiuj urboj.

ANTAŬMENDOJ—REGULIGOJ

Pago de kuponoj — Eldono de ĉekoj — Kreditleteroj

Aĉeto kaj vendo de fremdaj mono kaj biletoj — Luigo de monkestoj.

Multaj oficistoj parolas Esperanton — S. D.

## ? Ĉu vi estas jam membro de U. E. A. ?

SAMIDEANOJ! KURAĜIGU ESPERANTISTAJN FIRMOJN!

Por via somera ripozloko apud Marbordo, elektu :

# LE GRAND HOTEL D'OOSTDUINKERKE

(Korespondas per Esperanto. — Parolas Esperante).

AGRABLA RESTADO DUM TUTA JARO

BONAJ MANĜAĴOJ. BONAJ VINOJ. TRE MODERAJ PREZOJ.

**Generala agentejo por vendado de Francaj vinoj, oleoj,**
**Skribu al S-ro BENOIT, Grand Hôtel d'Oostduinkerke.**
**El ciuj enspezoj faritaj pere de Esperanto, S-ro Benoît dedicos parton de 5 o/o al la propaganda kaso de "Belga Esperantisto".**

# Belga Manufakturo de Industriaj Produktoj

Societo anonima (Fondita en 1872)

18, RUE NEUVE, 18 -- LEDEBERG - APUD - GENTO

TELEGRAF-ADRESO: "PERFECTA" GENT

TELEFONO: 635

Dozitaj analiziloj por la uzado de la industriaj akvoj.

Logika purigo per purigaj aparatoj aŭ en kaldronegoj kun aŭ sen aparatoj.

Senpera importado de industriaj oleoj kaj grasoj.

Stupo. Kaŭĉuko. Klapoj. Rimenoj.

Kotonrestaĵoj por purigi maŝinojn.

# NEW ENGLAND

RUE AUX VACHES -- GENTO

TELEFONO 618

Antaŭfaritaj kaj laŭmezuraj vestaĵoj

# AU BON GOUT

NOVAĴOJ KAJ LANAĴOJ
por sinjorinoj
Artikloj el silko kaj veluro

# Edzino De Groote-Van de Velde

30, RUE DIGUE DE BRABANT, 30

Specialeco de Negligoj
Bluzoj kaj Jupoj

GENTO

# L'Espéranto en un coup d'œil !

L'ESPERANTO est PHONETIQUE.

On prononce *toutes* les lettres :

*Une lettre, un son.*

L'ACCENT TONIQUE tombe toujours sur *l'avant-dernière* syllabe.

*Pas d'irrégularités.*

*Pas d'exceptions.*

## L'ALPHABET DE L'ESPERANTO

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aa *a* | Bb *b* | Cc *ts* | Ĉĉ *tch* | Dd *d* | Ee *e* | Ff *f* | Gg *gu* |
| | Ĝĝ *dj* | Hh *h aspiré* | Ĥĥ *h très aspiré* | Ii *i* | Jj *y* | Ĵĵ *j* | |
| Kk *k* | Ll *l* | Mm *m* | Nn *n* | Oo *o* | Pp *p* | Rr *r* | Ss *ss* |
| | Ŝŝ *ch* | Tt *t* | Uu *ou* | Ŭŭ *ou bref* | Vv *v* | Zz *z* | |

Q, W, X et Y n'existent pas.

A, E, I, O, U se prononcent comme dans *fa, ré, mi, do, toute.*

C ne sonne pas comme S, ou comme K mais comme *ts* de *tsar.*

J — *y* dans *yeux.*

Les sons ĉ, ĝ, ĥ, ĵ, ŝ, et ŭ se retrouvent dans *tch*èque, *adj*udant, Aa*ch*en, *j*ardin, *ch*emin et Ra*ou*l.

La GRAMMAIRE se compose de SEIZE RÈGLES FONDAMENTALES.

Les MOTS se forment au moyen de radicaux auxquels s'ajoutent des lettres appropriées.

**O** est la terminaison du SUBSTANTIF :
fakto, telefono, piano, libro, fajro, tasko

L'ADJECTIF se termine en **A**
evidenta, longa, granda, bela, furioza, simpla

Les SUBSTANTIFS et les ADJECTIFS forment leur PLURIEL par l'adjonction de **J**
evidentaj faktoj longaj telefonoj grandaj libroj

(*aj, oj* se prononcent comme dans *ail* et Boïeldieu).

SIX TERMINAISONS SUFFISENT POUR FORMER TOUS LES TEMPS SIMPLES DU VERBE

| *Infinitif* | *Présent* | *Passé* | *Futur* | *Conditionnel* | *Impératif :* |
|---|---|---|---|---|---|
| **I** | **AS** | **IS** | **OS** | **US** | **U** |
| ESTI | estas | estis | estos | estus | estu |
| LERNI | lernas | lernis | lernos | lernus | lernu |
| INSTRUI | instruas | instruis | instruos | instruus | instruu |

**N** forme l'ACCUSATIF (*complément direct*)
Mi (*je*) instruas lin (*lui*)
Li (*il*) instruas min (*moi*)
Vi lernas Esperanton

Les ADVERBES se terminent en **E**
rapide
entuziasme
diligente

## *ESTU PRETA : LERNU ESPERANTON*

Les PARTICIPES s'emploient comme *adjectifs, substantifs* et *adverbes*

*Actif* Présent : -ANT' Passé : -INT' Futur : -ONT'

*Passif* : Présent : -AT' Passé : -IT' Futur : -OT'

Mi estas instruanta. Mi estas la instruanto. Instruante, mi lernas.

Vi estas instruata. Vi estas la instruato. Instruate, vi lernas.

**ĈU** se prononce comme *tchou.* *Forme la phrase interrogative.*

harpo, piano, violono, fluto, orgeno — estas *instrumento* (?)

lilio, rozo, tulipo, violo, geranio — estas *floro* (?)

melono, banano, figo, piro, pomo — estas *frukto* (?)

hundo, kato, kamelo, elefanto, urso — estas *besto* ?)

*Oui* se dit **JES** et *Non* se dit **NE**

**LA** (le, la, les) Unique article défini

tasko, piano — estas (*est*) — simpla, granda

knabo, raporto — estis (*était*) — bela, favora

progreso, anekdoto — estos (*sera*) — rapida, longa

*Le préfixe* **MAL** *indique le contraire.*

malsimpla, malgranda, malbela, malfavora, malrapida, mallonga

COULEURS

blanka papero
blua krajono
nigra inko
bruna tero
rozaj lipoj

NOMS DE NOMBRE : Unu, 1 ; du, 2 ; tri, 3 ; kvar, 4 ; kvin, 5 ; ses, sep, ok, naŭ, dek ; cent, 100 ; mil, 1000 ; miliono. ADJECTIFS NUMÉRAUX ORDINAUX : unua klaso, dua klaso, etc. Comme Adverbes : *unue* premièrement ; *due*, deuxièmement ; etc.

La PROFESSION s'indique par **IST**
dentisto, bakisto, artisto

Le SEXE FÉMININ s'indique par **IN**
princo — princino
patro — patrino
leono — leonino

*Cinq* autres *préfixes* et *vingt* autres *suffixes* permettent d'exprimer toutes les idées et ce avec un maximum de précision et de clarté.




Modelo de lingva simpleco :

# - ESPERANTO -

Modelo de aùtomobila simpleco :




**Petu informojn pri la laùvola pagsistemo ce la plej najbara Agento**

**Aùtomobiloj**

**Sargveturiloj**

**Motortiriloj**

REPREZENTANTOJ CIE !


